# BEL informas

Redaktas: Paulo Sergio Viana, julio 2007

## SUKCESA 42-BRAZILA KONGRESO EN RIO ELEKTITA NOVA ESTRARO

Bone sukcesis la 42-a Brazila Kongreso de Esperanto en Rio, en julio 2007. En agrabla etoso, pli ol 500 gesamideanoj kunvenis en multaj kunsidoj, asembleoj, prelegoj, diskutoj, arthoroj, libroservo, kursoj kaj simpla amika babilado koridora. Budoj proponis librojn, diskojn kaj esperantaĵojn. Infana kongreseto kaj Kongreso de Brazila Esperantista Junulara Organizo samtempe okazis. Oni lanĉis novan filmon en Esperanto ("La Patro", de "Imagu-Filmoj") kaj librojn.
En la kongreso elektiĝis nova Estraro de Brazila Esperanto-Ligo: Prof-ro José Passini (Prezidanto); Paulo S. Viana (Vicprez.); José Maria, Francisco S Wechsler kaj Alfredo Aragon (Sekretarioj); José O. Pestana kaj Maria D. Góis (Kasistoj); Aymoré V. Pinto, Eurípedes A. Barbosa, Wilson A. Oliveira, Aloisio Sartorato, Célio F. Martins, Maurício M. Gomes (Kontrola Komitato).
Jam sabate, la 14-an de julio, tuj post la fermo de la kongreso, la Estraro kunsidis ĉe la sidejo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, en Rio, por preni la unuajn decidojn kaj plani agadon. Oni konsentis pri tuja reaperigo de nia organo "Brazila Esperantisto", sub la redaktado de Francisco Wechsler kaj teknika prizorgado fare de José Tenório, el São Paulo. Oni decidis ankaŭ pri ĉi tiu BEL-Kuriero, kiun oni sendos al BEL-anoj kaj aliaj (nealiĝintaj) geesperantistoj. Urĝe necesas fari kampanjon por pligrandigi la anaron de BEL, kaj ĉiuj konsciaj samideanoj estas vokataj helpi. Pri la Portalo de BEL en interreto (unu el la plej efikaj kaj laŭdindaj faroj de la antaŭa Estraro!), la Prezidanto decidis esplori ĉe la Centra Oficejo en Brasília, kun la celo nepre plu disponigi tiun paĝaron, kiu ricevas milojn da vizitoj jare.

## ESPERANTISTARO! PARTOPRENU!
## BEM SUCEDIDO O 42º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO, NO RIO ELEITA NOVA DIRETORIA

Mais de 500 participantes participaram de inúmeras atividades culturais e de lazer. Lançado novo filme ("La Patro", da "Imagu-Filmes") em DVD, além de livros. Simultaneamente, transcorreram as atividades do Congresso da Juventude
Esperantista Brasileira.
Eleita nova Diretoria da Liga, sob a Presidência do Prof. José Passini. No sábado, dia 14de julho, a nova diretoria se reuniu na sede da Cooperativa Cultural do Esperantistas, para planejamento das atividades. Entre outras, decidiu-se pela imediata reativação da revista "Brazila Esperantisto, sob redação de Francisco Wechsler e coordenação técnica de José Tenório. O Portal da BEL, na Internet (uma das mais efetivas realizações da Diretoria anterior) deverá ser mantido. Urge também incentivar o Esperantista brasileiro a se filiar à Liga Brasileira de Esperanto.

Fotos: Paulo Sergio Viana

**ENVIE SUAS INFORMAÇÕES SOBRE ATIVIDADES EM CLUBES E ASSOCIAÇÕES LOCAIS. O "BEL-KURIERO" AS REPASSARÁ. A LIGA SOMOS NÓS! PARTICIPE!**